

# PENSEO

N-ro 329

mar. / 2019

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 30-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Maria Nazaré Laroca (Brazilo)



### Deliro

Kia mond' estas nia,
en fajrej' de frenezo
brulanta for de Dio!

Tial muzoj forestas,
kaj poetojn forlasas
en animo soleca...

Eĉ naturo ribelas
kontraŭ malsaĝo homa
konfuzante sezonojn!

*Juiz de Fora, 16/02/2019.*
*Minas Gerais - Brazilo*

## Christian Cimpa (Aŭstrio)



### Senfunda lamento

Nu, ĉu estas – jen la tento –
kun aŭ sen la Fundamento
pli reala aŭ pli mita
la disputo -ata/-ita?
Ĉu jen ie kuŝas ĝeno?
Nu, post zorga ekzameno
trovis mi, ke la batalo
estas en si mem skandalo.
Restas fakte la kverelo
sen kialo kaj sen celo.

Se terpom‘ salata estus
ne salita – mi protestus!
Do, laŭ mi la konsekvenco:
grandas ne la diferenco.

-ata/-ota pli problemas,
kion mi nun pruvi emas:

Post terura sorto-bato
fakte helpas nur kompato!
Scias ĉiu idioto:
Jen utilas ne kompoto!

Por viziti Kiribaton
ĉu demandus vi Pilaton?
Kian bonon li alportus –
eĉ se li ne longe mortus?
Vi bezonus – jen la moto –
la subtenon de piloto!

Kiam estas vi malsata,
helpas ŝtono multkarata?
Por intestoj pli dorlota
estus stifo multkarota!

-ata/-ota – jen la ŝtofo
por la lingva katastrofo!

Jen la vera kern‘ disputa!
– Aŭ eĉ eble -ata/-uta?




## Mori (Usono)



### AFORISMe(39)

Homo kies poŝo
plenas je mono
ĉie en la mondo estas

respektata persono.

***

En ĉiu lando
prospero kaj mizero
plejparte estas politika afero.

***

Amiko kaprica
evitendas samkiel
malamiko malica.

***

Homo tiam estas
vere feliĉa
kiam neniu estas malriĉa!

***

MI trinkas kafon
kun malamiko malica
sed forkuras de
amiko kaprica.

***

Homoj diferencas
unu de la alia,
nature
sed devas ja esti egalaj,
Jure.

***

Lupo sovaĝa
kaj vulpo ruza
malpli danĝeras
ol homo ĵaluza.

***

Kie ajn socia justo,
kaj komuna bonfarto
estas la ĉefa politika afero
tie estas paradizo sur la tero.

***

Kiam idiotoj kunlaboras
kun la despotoj
la koston pagas
kaj idiotoj kaj patriotoj.

***

Kie libereco
justo kaj egaleco,
estas nur sur la papero
tie oni vivas en la infero.

***

Oni por vivi
feliĉe
devas esti gaja
senkondiĉe.

***

Tie, kie regas despoto
Homoj baraktas
kiel fiŝo en koto.



***

Vivo de la homo
sen libero
estas kiel tiu de fiŝo
en la seka rivero.

***

Tie, kie oni suferas
je malsato
frato batalas
kontraŭ frato.

***

La plej grandaj krimoj
sur la tero
okazas nome de Dio
kaj libero.

***

La unua tasko
de ŝtato
estas batali kontraŭ
Mizero kaj malsato.

***

Se ne estus
pro korupto de ŝtato
neniu suferus
de mizero kaj malsato.

***

Ĉio en la mondo
Progresis

krom Homo mem
kiu regresis.
***
Suferi en la kaĝo
kiel fiera leono
pli bonas ol ĝui liberon
kiel hieno.
***
Ĉiuj animaloj zorgas
Pri siaj karaj infanoj,
Homo estas tiu, kiu zorgas
pri ĉiuj homaranoj.
***
Morto kun honoro
estas pli valora
ol vivo sen honoro.
***
Vivu la vivon
laŭ via bontrovo kaj volo
sen zorgo pri alies priparolo.
***
Tiuj, kiuj sen labori
Havas ĉion
vivas sur la dorso de
tiuj, kiuj multe laboras
kaj tamen havas nenion.
***
La vivon riĉigas
ne plenaj poŝoj
sed firmaj paŝoj.
***
Ne la haŭta koloro
sed tio, kio estas en la koro
estas la vera valoro.
***
La kerno de ĉiu vera kredo
estas bonfarto de l' homaro,
tutmonda paco
kaj senkondiĉa amo
la cetero estas misgvida reklamo.
***
Homo sen saĝo
kaj kuraĝo
estas kiel birdo
en kaĝo.
***
Merito de herooj
pruviĝas en bataloj,
ne en la dancohaloj.

## Wallace Du Temple (Kanado)



## Sento de Rekon'

Kafdrinkas en aerodrom'
Atendi flugon hejmen
Aŭdas ritmon de metronom'
Ĉu karulo apudvenen'?

Ridetas la person'
Tremon sangatestas
Varmo de la ton'
Voĉo neaŭdeblas

Sento de rekon'
Emo apudesti
Preter la rezon'
Temo animfesti

Koro ardgravitas
Alestas nekonato
Tamen rekonatas
El vualo de pasinto

Pensi ja nenion
Lasi amsugesti
Senti ja animon
Sopiras ja muziki

Deziras animsaluti
Flugo jam baldaŭas
Koro stumblas pensi
La lingvo apenaŭas



## Sero (Ĉinujo)

# Li,vi,mi kaj ŝi

Iutage vin forlasis li
kaj vi plore venis al mi.
Diris vi, ke min ankoraŭ amas vi.
Al vi diris mi,
ke vi jam plej belan tempon al li,
sed vi lasis triston al mi.
Laŭ vi, min amas vi,
do, per kio je vi kredas mi?
Ĉu mi iam enamiĝi al vi?
Ha, vin ne atendi povas mi
dum la tuta vivo, ĉu? hihi!
Longa tempo pasis, ŝin ekamas mi.
Mi ne povas doni l' amon al vi,
kiun devas mi ja donas al ŝi.
Mi ne povas doni la ĉagrenon de vi
al ŝi, ĉar feliĉon devas ĝui ŝi.
Kiam dronis en la granda tristo mi,
tutan ĝojon al mi donis ŝi.
Do, bonvolu pardoni al mi.
Ankaŭ mi ja petas al vi
jen memori tion ĉi,
ke vin iam amis mi
kaj jam donis mian tutan ĝojon al vi,
sed vi ne direktis atenteton al ĝi
kaj forgesis pri la amo de mi.
Eble iutage pentos mi,
sed nun ĝojan vivon ĝuas mi kaj ŝi.
Batu tion en la kapon, vi,
ke vin iam amis mi!

## Ivaniĉka Maĝarova (Bulgario)



# Fasko da hajkoj

Malnova album'.
Reviviĝas momentoj.
Memfot' en telefon'.

❆

Kara kokcinel',
mi perdis mian amon.
La nova venos.



Ŝi kaŝrigardas
el tekokomputilo.
Nokta miraĝo.



Pekas mi. Pardonu!
Ne lasu min kun peko.
Mi ripetos ĝin.

el *Araneaĵoj*

## Shu Ting (1952-)



# Kiam preteriras vi fenestron mian

Kiam preteriras vi fenestron mian,
donu al mi benon,
ĉar la lamp' ankoraŭ lumas.
Lumas lampo —
en plumb-peza nokto,
kiel driva lumpunktet' sur fiŝ-boato.
Vi imagi povas, ke kabano mia
ja similas al boat' puŝata de ventego.
Tamen mi ne kadukiĝas,
ĉar la lamp' ankoraŭ lumas.
Lumas lampo—
Kiam ombr' projekciiĝas sur la
fenestrokurteno,
tio ja indikas, ke mi estas maljunul' senila,
sen mangestoj viglaj, kaj la dors' pli ĝiba ol
antaŭe,
sed ne mia kor' oldiĝas,
ĉar la lamp' ankoraŭ lumas.
Lumas lampo—
jen ĝi reciprokas per amsento fajra
la salutojn de l' diversdirektoj;
la lampo lumas—
jen ĝi per fier' impona
strab-rigardas la subpremon en mallum' kaj
lumo.
Kiam, ho, la lampo havas distingeblan

karakteron?
Ekde kiam vi min ekkomprenis.
Ĉar la lamp' ankoraŭ lumas,
benu min,
kiam preteriras vi fenestron mian.



# El Ĉina Antikva Poezio

## Fan Zhongyan (989-1052)

## Nuberoj sur blua ĉielo

—laŭ melodio *Virina ĉapo*
Nuberoj sur blua ĉielo,
orflavaj folioj sur tero,
aŭtuna pejzaĝ' kunfandiĝas
kun ondoj sur kiuj nebulo
malvarma flosas en libero.
Klinanta la suno prilumas
la montojn ĝis fora rivero,
sed herboj hejmlokaj ja ekster
sunlum' senkompate
por okul-sufero.

Hejmve' ĉe malhela vespero,
ĉagrenaj fremdulaj penseroj
turmentas min vere dum noktoj
ja krom se la sonĝ' de fabelo
min lulus ĝis brila tagiĝo.
Ekde nun mi ne plu staraĉu
etaĝe en pens' sub lun-helo,
nek drinku tro multe, por ke mi
sopiru batate
de larma dispelo.



## Zhang Xian (990-1078)

## La ĉagreno de l'disiĝo

—laŭ melodio *Tufo da floroj*
Kiam la ĉagreno de l' disiĝo
de la kara venos al la fin'?
Ja neniu sento densas pli ol
am' kun korinklin'.
Mi nun kovas la miksaĵojn
de diversaj sentoj sen difin'.
Flirto de salik-florflokoj en tumulto
super kampoj orientaj
des pli ja afliktas min.
La ĉevalo de l' amato,
kun henad', al batalanta lim',
jam malproksimiĝas.
Kie povus lian spuron
serĉi mi, sed kun obstin'?

Paro da ambirdoj naĝas
sur lagakvo bele en fascin',
preter la remantaj barkoj
kiuj iras de la nordo suden.
Vesperiĝas kun sunklin',
timas mi grimpi laŭ ŝtuparo
en la ĉambro por pentrado.
Tra fenestrokrad' lunlumo
falas sur min febla la virin'.
Kiel mi envias, ke persiko
kaj abrikotarb' eĉ kun anim'
libervola alkroĉiĝas nupte
al zefiro el la oriento
por fekunda la destin'!



## Mi aŭskultas al ari'

—laŭ melodio *Fea kanto*
Drinkante, mi aŭskultas

al ari'.
Tagmeze min ankoraŭ kaptas
korĉagreno, kvamkan mi sobriĝis
el ebri'.
La printempo jam foriris,
tamen, kiam ĝi revenos
kun misi'?
Jam proksime al maljuno
mi lamentas: junaj jaroj,
sen konsci',
pasas for senspure,
ne plu restas longe jun' kun
iluzi',
ankaŭ la futur' malhelas
kaj eĉ pento senutilas.

Sur sablejo apud lago
paraj birdoj kun fermita
okulpar' dormetas pace
ja sen kri'.
Nuboj rompas lunon pece,
floroj skuas sian ombron
per magi'.
La lamplumo ne videblas
post fenestr-kurtenoj dise
de radi'.
Blovas vento jen kaj jen,
homoj ekripozas en kvieto
sen pasi'.
Morgaŭ la falanta ruĝo
certe kovros padojn plene.

## Ekvarmiĝas la veter'

—laŭ melodio *Ĉe blua pordo*

Ekvarmiĝas la veter',
sed kun frida fluo en aer'.
Vento blovas, pluvo falas,
ili ĉesas nur ĉe la vesper'.
Proksimiĝas Qingming-festo,
regas en kortet' solec-kruel'.
Floroj velkas kaj ĉagreno
kaptas min kaj mi fordrinkas
ĝin kaj ebriiĝas kun ŝancel'.
Min denove morbo la lastjara
trafas de printempa gel'.

Sur la turo kornoj sonas,
kaj min vekas en la vent-pel'.
Nokte pord' post pordo ŝlosas
tomb-kvieton en malhel'.
Mi eĉ ne toleras, ke la luno
sendas la knabinan silueton
balancantan sin pendole
tien kaj ĉi tien kun leĝer'.



## Sudanoj remas drakboatojn

—laŭ melodio *Melodio Magnolia*

Sudanoj remas drakboatojn
jen por konkurs' konkure;
juninoj pare svingas lude
pendolon gaje kaj plezure,
aŭ belajn verdajn herbojn
kolektas ĉie sur-insule
sen rehejmiĝi ĝis krepusko.
De temp' al tempo por ekskurso
surtretas oni herbojn nure.

Forŝvebas ekskursantoj nube,
la montoj restas foraj pure,
volvitaj per nebula zono.
Flutado kaj kantad' jam ĉesis,
la kort' tuj mutas senmezure.
Palhela luno ĵetas lumon
sur korton brilan malobskure.
Sennombraj salik-viloj flirtas,
forflugas dance jen senspure.

*Elĉinigis*



**Vejdo (Ĉinujo)**



# Zhuangzi

## ĈAPITRO DEKSEPA

## Aŭtuna riverŝvelo

**§17-04**

Gongsun Long demandis la princon Mu de la regno Wei, dirante:

"Kiam mi estis juna, mi lernis la instruojn de la antikvaj suverenoj; kiam mi estis en la matura aĝo, mi komprenis la principojn de la humaneco kaj la justeco. Mi povas argumenti la identecon de la sameco kaj la malsameco; mi povas argumenti la apartigon de la kvalitoj malmoleco kaj blankeco disde la objekto mem. Mi povas certigi la verecon de tio, kio estas erara; mi povas pravigi tion, kio estas malpermesita. Mi povas embarasi ĉiujn klerulojn; mi povas konfuzi ĉiujn sofistojn. Mi pensis, ke mi jam atingis la perfektecon en la rezonado aŭ en la sciado, sed, aŭdinte kion Zhuangzi diris, mi estas surprizita kaj embarasita. Mi ne scias, ĉu mia rezonkapablo aŭ mia sciado estas malsupera al tiu de li. Mi eĉ ne scias, kiel mi povas malfermi mian buŝon. Permesu al mi vin demandi pri la kialo."

La princo Mu de Wei sin apogis kontraŭ la tabureto kaj suspiris. Poste li levis siajn okulojn al la ĉielo kaj ekridis, dirante:

"Ĉu vi ne aŭdis la rakonton pri la rano en la malprofunda puto? La rano diris al la granda testudo el la Orienta Maro: 'Kiel feliĉa mi estas! Mi saltas sur la randon de la puto kaj poste saltas en la puton por resti en la breĉo de la putomuro. Kiam mi naĝas, la akvo leviĝas ĝis miaj akseloj kaj subtenas mian mentonon. Se mi promenas, la ŝlimo estas super miaj maleoloj. Kiam mi rigardas ĉirkaŭen, mi vidas, ke la moskitaj larvoj, krabetoj, ranidoj ĉiuj neniel estas tiel gajaj, kiel mi. Kiel la mastro de tiu ĉi akvobaseno, mi ĝuas la plenan plezuron teni la monopolon de tiu ĉi loko. Kiel do vi, sinjoro, ne venas en mian puton por fari viziton?'

"Apenaŭ metinte sian maldekstran piedon en la puton, la granda testudo el la Orienta Maro sentis, ke ĝia dekstra genuo gluiĝis en la ŝlimo. Li hezitis momenton kaj retiriĝis el la puto. Poste li komencis rakonti al la rano pri la maro, dirante: 'La distanco de mil lioj ne estas sufiĉa por priskribi la vastecon de la maro; la alteco de dek mil *ĵen*-oj ne estas sufiĉa por priskribi la profundecon de la maro. Dum la regado de la reĝo Yu de la dinastio Xia la inundo okazis naŭ fojojn en ĉiu jardeko, sed la mara akvo ne kreskis pro tio; dum la regado de la reĝo Tang de la dinastio Shang la sekeco okazis sep fojojn en ĉiu jar-oko, sed la marbordo ne retiriĝis pro tio. La maro ne ŝanĝiĝas kun la paso de la tempo, nek ŝanĝas siajn dimensiojn laŭ la pluvokvanto. Jen la granda plezuro por la Orienta Maro.' Aŭdinte tiujn ĉi vortojn, la rano estis frapita de konsterno kaj dronis en konfuzo.

"Cetere, vi estas ankoraŭ ne sufiĉe inteligenta por fari distingon inter la vero kaj la malvero, kaj tamen vi deziras kompreni la pensojn de Zhuangzi. Vi similas ĝuste moskiton, kiu volus porti monton sur sia dorso, aŭ miriapodon, kiu dezirus galopi sur la Flava Rivero. Ĉio ĉi estas multege super via povo. Krome, vi estas ne sufiĉe inteligenta por kapti la profundecon kaj la subtilecon de la sofistaj diskutoj, kaj tamen vi kontentiĝas per via elokventeco en iaj debatoj. Ĉu vi ne similas la ranon en la malprofunda puto?

"Kaj plie, la vortoj de Zhuangzi estas tiel misteraj kaj nesondeble profundaj. Ili ŝajnas jen radikiĝi en la nadiro de la tero, jen supreniĝi ĝis la zenito de la ĉielo. Sen

konsidero pri la nordo kaj la sudo, liaj vortoj tuŝas ĉion, multe super la komuna saĝo; sen konsidero pri oriento kaj la okcidento, liaj vortoj komenciĝas en obskureco kaj alvenas al luma klareco. Nun ke vi serĉas lian filozofion per la ordinara maniero de observado kaj argumentado, tio estas ne pli ol la observado de la ĉielo tra tubo aŭ trabori la teron per aleno. Ĉu vi ne estas sensignifa? Pli bone estas, ke vi foriru de ĉi tie.

"Ĉu vi ne aŭdis la rakonton pri juna viro el Shouling en la regno de Yan, kiu iris al Handan, la ĉefurbo de la regno de Zhao, por lerni la tiean paŝmanieron? Li ne nur malsukcesis ellerni paŝadi kiel la homoj en Handan, sed eĉ forgesis sian propran paŝmanieron, tiel ke li estis devigita reveni hejmen rampante sur la manoj kaj la piedoj. Se vi ne tuj foriros, vi forgesos, kion vi sciis, kaj eĉ vian metion de sofisto."

Kun gape malfermita buŝo kaj rigidiĝinta lango Gongsun Long restis muta dum iom da tempo kaj poste forkuris per senbruaj paŝoj.

**§17-05**

Kiam Zhuangzi hokfiŝis ĉe la rivero Pu, la reĝo de la regno Chu sendis du ministrojn inviti lin. Ili diris:

"Nia princo intencas konfidi al vi la regnajn aferojn."

Tenante la fiŝkanon en sia mano, eĉ sen turni la kapon, Zhuangzi diris al ili:

"Mi aŭdis, ke en la regno Chu troviĝas sankta testudo, kiu mortis jam antaŭ tri mil jaroj. Via reĝo tenas ĝin en bambua kesto envolvita per tuko, kaj la kesto estas konservata en la prapatra templo. Bonvole diru al mi, ĉu tiu ĉi testudo preferus morti kaj esti kultata en tia maniero aŭ vivi kaj povi treni sian voston en la ŝlimo."

"Ĝi preferus vivi kaj treni sian voston en la ŝlimo," respondis la du ministroj.

"Bonvole do foriru!" diris Zhuangzi. "Mi preferas treni mian voston en la ŝlimo."

**§17-06**

Kiam Huizi fariĝis la ĉefministro en la regno Liang, Zhuangzi iris lin vidi. Iu diris al Huizi:

"Zhuangzi venas. Li intencas vin anstataŭi."

Huizi, ektimigite, sendis serĉi lin dum tri tagoj kaj noktoj.

Zhuangzi mem venis al Huizi kaj diris al tiu:

"Ĉu vi konas specon de birdo en la sudo, kiu estas nomata fenikso? Ĝi iam ekflugis de la Suda Maro al la Norda Maro. Dum la vojaĝo ĝi haltis nur sur la firmianaaj arboj (latine: *Firmiana simplex*) , manĝis nur la bambuajn fruktojn kaj trinkis nur la puran kaj dolĉan akvon el la fonto. Preterflugante ĝi vidis en la aero strigon, kiu kaptis putran raton. La strigo levis sian rigardon kaj minacis per kriĉo. Nun, ĉu do vi volas ankaŭ min minaci per via regno Liang?"

**§10-07**

Promenante kun Huizi sur ponto de la rivero Hao, Zhuangzi diris:

"Jen, vidu, kiel gaje naĝas la fiŝoj. Tio estas ilia ĝojo."

"Vi ne estas fiŝo," diris Huizi. "Kiel vi scias, ke tio estas la ĝojo de la fiŝoj?"

"Vi ne estas mi," rediris Zhuangzi. "Kiel do vi scias, ke mi ne scias pri la ĝojo de la fiŝoj?"

"Mi ne estas vi," diris Huizi, "kaj certe mi ne scias pri vi. Sed, ĉar certe vi ne estas fiŝo, estas tute evidente, ke vi ne scias pri la fiŝoj."

"Nu, ni revenu al via unua demando," diris Zhuangzi. "Vi min demandis: kiel vi scias, ke tio estas la ĝojo de la fiŝoj? Tiu ĉi demando mem montras, ke vi jam scias, ke mi scias tion. Ĉar vi jam scias pri mi, kial do mi ne povas scii pri la fiŝoj? Mi ja eksciis tion ĝuste ĉi tie, sur ponto de la rivero Hao."

*Elĉinigis*



**Wang Chongfang (Ĉinujo)**

# Ĉineske

## Eto (Ĉinujo)

### Kiam ni oldos

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Kiam ni
oldas en futur',
ni uzos irbastonon
kaj ni vivos kun kor-pur',
fartos kun plezur'.

Tiam ni
jam iros ne plu
longan vojon al foro.
Ni povos sidi sen bru',
mediti kun ĝu'.

Tiam ni
ne plu kun koler'
traktos ĉiujn aferojn,
nepre agu kun toler'
kaj ne kun fier'.

Tiam ni
eble sentos nin
soleca kun enuo,
ni pluvivu kun obstin',
ne plendu sen fin'.

Tiam ni
kaptos en memor'
tion kaj ĉi tion de
pasinto, sed en la kor'
grumblu en dolor'.

Tiam ni
probable vere
ne povos zorgi pri ni,
nek movi nin libere,
sed ni sincere

petos de
aliaj doni
helpon vere necesan,
ne ekstraĵon de oni
por ni bezoni.

Fine ni
kuŝos en lito
kun serioza malsan',
ni foriru kun spito,
kun brav-spirito.

## Miric Jadranka (Serbujo)



### Ankoraŭ vintras

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Vekiĝas
floraj heraldoj
de frua primavero.
Ĵus ekfloris galantoj
neĝaj princinoj.

Paseroj
saltetas ĝoje.
Jen, kolomboj flugantaj.
Juna paro survoje
dancas fojfoje.

Ĉe strata
angulo hom'
la kaŝtenojn vendanta.
Haladza aer'. Al Tom'
jen, mankas ozon'!

Subita
neĝa degelo
kaŭzas inundoj. Same
en la kavo de melo
kaj en dom' kelo.

Vesperoj
en ĉi Februar'
estas malvarme freŝaj.
Nokte mankas la stelar'
pro nigra nubar'.

## Je Vivofino

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Malgaje
eĥas kanto ĉi.
Funebra ceremoni'
longas. Larmoj pli kaj pli.
En okuloj Vi.

Ĉu Dio
ploranta kun ni?
Maloftaj ombreloj jen,
punktiĝas nigre. Ĉu Di'
jam estas kun Vi.

Aperas
ĉe tombejo Sun'.
Lantas piediro ĉi.
Fortas krio iun.
Aŭdiĝas ĝis Lun'.

Ploris ni
kantante kune
vian kanton "Ne ploru ,
kara, venos mi Lune"
por festi .Ĉu ne ?

Resonis
brue lametad'.
La ĉerko trovis lokon.
La eternan. Terĵetad'
fina salutad'!



**Sopir-al-sudo (ĉine: Yijiangnan): ĉina fiksforma poemo el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimaranĝo xa,xa,a (x=senrima).*

## Minosun (Ĉinujo)



## Ses poemetoj

—laŭ ĉinesko Dekses-Silabo*

1.

Lun'
en akvo, pinoj en brum',
strobiloj
teren falas nun.

2.

Roj'
murmuras, senhomas voj';
la lunon
ne prilumas ĝoj'.

3.

Ŝi
petolas… Flosas ĉe li
rideto
kaj eĉ fantazi'.

4.

Lun'
promenas sola en brum',
vaga kat',
sed, paŝas kun zum'.

5.

Hom'
faras pagilon, sed mon'
ŝvitigas
lin eĉ sen ordon'.

6.

Ta!
Donu l' sorton al mora',
se mankas
libroj kaj moka'!

**Dekseso: la ĉina fiksforma poemo el 4 versoj de 1,7,3,5 silaboj laŭ rimaranĝo de a,a,x,a (x = senrima).*

## Hans-Georg Kaiser (Germanio)



# Okazis en Tokio

En mian pasporton oni skribis, ke mi estas denaska usonano, kaj tio estas prava. Mian karieron *made in USA* mi povas rapide priskribi. Kiel knabo mi estis ege diligenta, ĉar patrino mia min petegis ĝislarme: "Penu, knabo mia, penegu!“

Mi penegis! Baza lernejo. Poste de la naŭa ĝis la dekdua *"high school"* en speciala lernejo por naturscienco. Tie mi lernis multon. En la naturo mi observis birdojn, bredis fruktomuŝojn por genetikaj eksperimentoj kaj bruadis en diversaj politikaj kluboj. Poste Harvard-universitato en Bostono. Poste, aldona jaro en la militakademio, kaj nur tiam mi eklaboris, kompreneble en la militindustrio. Iam tiutempe mi bedaŭrinde rifuzis partopreni cerbajn transplantigojn je „vivantaj objektoj“. Oni adiaŭis min, ne sen antaŭa insista minaco. Mi komprenis kaj ĵuris esti diskreta. Post kelkaj jaroj mi sukcesis enradikiĝi kiel instruisto por la japana lingvo. En pli-malpli aĉaj kondiĉoj mi lernis antaŭe obstine la lingvon, ĝis kiam mi sufiĉe flue povis leterkonversacii kun japanoj. Tion, kion mi perlaboris, mi disipis dum vojaĝoj en Japanio, por poste ĉiujfoje denove rekomenci mian instruistan vivon en Usono.

Mi vivtenis min dum kelkaj jaroj laŭ tiu stilo, ĝis mi fine decidis transloĝiĝi al Japanio. Mi intencis enspezi tie kiel angla instruisto la monon, kiun oni bezonas por ne esti metata en hejmon por mensmalsanuloj. Tio okazis, kiam mi ekkomprenis en usono, ke homoj kiel mi ne estas bezonataj en Usono. Nuloj kiel mi ne havas la rajton streĉi la nervojn de tiuj, kiuj estas sukcesaj, kaj tial fakte la veraj usonanoj. La flugbileto forprenis preskaŭ mian tutan ŝparitan monon, sed mi havis leteramikon en Tokio kaj komencis tuj post mia alveno serĉi lin. Nu, tio estas en Tokio multe pli komplika ol en Novjorko. Post kelkaj maratonaj ekskursoj tra la ĝangalo de la egurbo, mi fine preskaŭ komencis desperi. Kiel tie trovi iun, se la stratoj ofte ne havas legeblan nomon? Sed estas vere. Konsternita mi ne estis. Estus pli mirige, se mi efektive estus trovinta sinjoron Suzuki. Miaj konoj pri la japana ne helpis al mi. Kvankam oni ĉiufoje precipe afable riverencis, kiam mi balbutis ion al iu. Post semajno mi estis tute lacigita.

Okazis tial en Tokio en eta hotelĉambro, en kiu oni prefere ne etendu la krurojn, ĉar ion tian kapablas nur malgrandaj japanoj, ke mi perdis mian balancon. Estis malfrue. Mi funkciigis la neeviteblan kolortelevidilon, gapis tra la brunece koloritaj fenestrovitroj malsupren al maro el lumĉenoj kaj brilpunktoj. Foje mi suĉis gluteton el sake-botelo, cerbumante pri tio, kio esence ligas min surtere tiom al la sufiĉe trista vivo. Ĉu espero ? Ĉu tradicio? Ĉu hereditaj informoj, kiuj, veninte el grizaj pratempoj, saviĝis en niajn tagojn? Kiel ĉiam mi ne trovis respondon. En la fantomeca lumo de la televidilo mi ŝovis perpiede la vojaĝkofron al mi. Mi eltiris elegantan modelon de germana pistolo kaj metis ĝin al mia dekstra tempio. Kun absoluta senpartopreneco – kio estas jam pri tio iri en la transan mondon? – Mi turnis min denove al la fenestro por adiaŭi Tokion... kaj fine mi pafis.
Obtuza sono, kaj tiam mi sentis min kvazaŭ senpeza. Estis erara sento. Mi nur senemociiĝis. Mi staris kiel salkolono, kiel la edzino de Lot kaj bezonis kelkan tempon por rimarki, ke io ne laŭordis en la afero. Tute maleble, ke mi preterpafis la tempion! Mi rigardis suspekteme al la pistolo, lumigis la ĉambron, kaj tiam kaptis min malagrabla penso! Mi paŝis al la spegulo kaj rigardis senkomprene al mia kopio. Maleme mi hezitis, ĝis mi kapablis retiri la blondajn buklojn sur la tempio. Estis komplete konfuzige. Tute klare la truo en dekstra tempio estis videbla. Mi eĉ ne sentis doloreton kaj ankaŭ ne sangis.

Sendube la kuglo devis mortigi min. La malagrabla penso, ke mi estas mortulo, komencis efiki en mi. Sed baldaŭ mi trankviliĝis. Kial ja ne? Kial mi ne estu morta? Estas vere, tio tute kontraŭas al la sankta leĝo pri kaŭzo kaj efiko. Kaj tamen: Spite al la truita cerbo mi plene konsciis. Ĉu konscio en morta korpo ? Plej min frapis, ke mi povis moviĝi. Sed mi tamen moviĝis...

Ke oni povas kutimiĝi ankaŭ al senkompreneblaj aferoj, mi ne nur scias ekde mia naskiĝo kiel mortulo. Tre rapide mi adaptiĝis pri la nova situacio. Ja, mi konfesas, ke tiu nova ekzisto havis kelkajn avantaĝojn rilate la antaŭan. Gajigite mi rimarkis baldaŭ, ke mi neniam denove estis plagata de la urĝo devi manĝi. Neniam mi plu soifis. Mi foje foje tamen manĝis kaj trinkis dum renkontiĝo, dum trinkado kaj manĝado, nur por ne ĝeni iujn ritojn de la gastigantoj. Kiel mortulo sukcesas pri sia energi-interŝanĝo, mi ne scias. Ĉiukaze mi nun estas libera pri la batalo pri pano.

Tio estas financa avantaĝo ne tro laŭdebla. Mi ne sentas froston kaj varmo min ne atakas. Mi ne plu suferas pro maljustecoj kaj aliaj enkapaj fantomoj. Ĉiu sento en mi estas estingita. Kaj tio estas bona tiel. Neŭrozoj min ne plu tiklas kaj mi ne devas ŝviti plu pro falsaj memtaksoj. Mi nun agas tute senemocie. Mi denove enpenetris la japanan lingvon kaj progresis ĉifoje furore. Mia memorkapablo subite funkciis kiel aŭtomato.

Estas nature, ke miaj novaj kapabloj impresis la japanojn. Laŭorde mi nun trovis mian Suzuki – kvankam ekzistas multaj tie kun tiu nomo. Mia Suzuki peris min al la Nippon-konzerno. Mi nun estas fame konata interpretisto. Miaj kolegoj nomas min kaŝe "la maŝino", sed tio ne tuŝas min. Ili amuziĝas pri mia larĝa fruntbendo, kiun mi neniam demetas. Flustre ili siblas envie: Jen li, la usonano. Miaj konsiloj nun estas multekostaj, kaj denove mi servas al la scienco. Mi skribis eseon kaj sendis ĝin al la konduta esploristo Yamamoto. Ĝi kaŭzis skandalon en lia instituto. La titolo estas: "Hipotezaj provoj pri kondutmanieroj post la morto". Yamamoto skribis al mi, ke li tre volonte akceptus min en sia loĝejo. Tio estas granda honoro en Japanio. Li skribis al mi, ke ŝokis lin mia lucida menso pri aferoj, kiuj nur tre limigite aŭ tute ne estas alireblaj por la sciencoj.

## Tiberio Madonna (Italujo)

# PECO DE LA PRINTEMPO

En Marto la suno estis pli alta en la ĉielo, la vetero iĝis pli varma kaj la arboj ekfloris. Petalo delikate rozkolora falis de branĉo sur rivereton kaj, transportita de la fluo, atingis vilaĝon.

En ĉambro de malgranda domo el ligno apud la rivereto, kvinjara infano ludis per sia pluŝurseto. Tra la fenestro duone malfermita, kiu estis tro alta por Aleĉjo, li povis vidi nur la ĉielon kun blankaj nuboj pasantaj. Dum li estis ludanta, li ekaŭdis kokinojn klukantajn kaj do komencis salti por vidi ilin, sed malgraŭ la saltoj li sukcesis vidi nenion. La infano estis tro malalta kaj, pro tio, malgraŭ sia scivolemo, li ne povis vidi, kio okazas en la mondo ekstera.

Post la malvarmo de la vintro, pli varma brizo eniris en la ĉambron, kaj subite ventobloveto enportis la rozkoloran petalon, kiu malpeze falis sur la pluŝurseton. La okuloj de la infano pleniĝis de ĝojo: peceto de la mondo ekstera estis veninta en la ĉambron de Aleĉjo por iĝi videbla al li kaj porti novaĵon al la infano, kiu kun entuziasmo tuj ekkriis: “Panjo! La printempo!”

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***

Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)

Retadreso: vejdo@163.com

www.elerno.cn/penlisto.htm

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_